Ára: 10 ft.

1. Kiu estas la pli preciza vorto por la granda fiŝo?
2. Kiu estas la pli preciza vorto por la ŝipo?
3. La granda fiŝo faris grandan eraron. Kiun?
4. Kion diras la estro de la ŝipo al la navigisto?
5. Kion faras la viroj sube en la bildo? Kiu estas ilia profesio?
6. Kio estas la nacieco de la viroj en la supra tunelo? Kaj la sub
7. Kion faras la tri personoj dekstre en la supra tunelo?
8. Kio estas la granda eraro de la tunelistoj?

# Juna amiko

Sept. 88/3
N-ro 46
jaro 15a



*Juna amiko*, revuo por lernejanoj kaj komencantoj. Eldonata de la Hungara Esperanto-Asocio kaj aŭspiciata de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI).

**Aperas** kvarfoje jare: februare, aprile, septembre kaj novembre.

**Redaktoro** kaj grafiko: Stefan MacGill.

**Adreso** de la redakcio: pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario.

**Anoncoj**: Paĝo: 50 gld. aŭ 500 ft. Duonpaĝo: 35 gld. aŭ 350 ft. Kvaronpaĝo: 20 gld. aŭ 200 ft.

**Kovrilo**: Csilla Borovszki.

Nemzetközi eszperantó diáklap. Megjelenik évente négyszer. Ára: 10 ft.: 88/3 szám, XV évfolyam. Felelős szerk.: **Schiller Judith.** Kiadja a Magyar Eszperantó Szövetség, Szentháromság tér 6, H-1014 Budapest. Felelős kiadó: **Princz Oszkár**. Készült a MESZ Sokszorosítóban: hearota 88-164. Kiad. eng. szám: III/IFJ/30/1976;

ISSN 0230-1318.

Terjeszti a Magyar Posta. Előfizethető bármely hirlapkézbesitő postahivatalnál, a hirlapkézbesitőknél, a Posta hirlapüzleteiben és a Hirlap-előfizetési és Lapellátási Irodánál (HELIR), Budapest, XIII, Lehel u. 10/a, 1900 – közvetlenül vagy postautalványon, valamint átutalással a HELIR 215-96162 pénzforgalmi jelzőszámra.

Longa tempo pasis de post la lasta numero de *Juna amiko*. En tiu tempo okazis la Internacia Junulara Kongreso en Zagrebo, Jugoslavio, kun ĉirkaŭ 800 kongresanoj, do ĝi eniras la liston de la plej grandaj IJK. Ĝia temo estis "Komunikado en la 21a jarcento". Samtempe la instruistoj de Esperanto konferencis en Kerkrade, en la sudo de Nederlando. Ilia programo konsistis el deko da prezentaĵoj de kontrastaj instru-metodoj uzataj en diversaj landoj. Ili elektis novan estraron kaj akceptis novajn taskojn. Unu estas la kompilado de informoj pri la instruado de Esperanto en lernejoj, kaj por tion plenumi, ni aldonas demandilon al ĉi tiu numero, kiun vi bonvolu plenskribi. Alia estas la reformo kaj popularigo de la internaciaj ekzamenoj de UEA kaj ILEI, pri kio ni informos vin estonte.

La plej granda kongreso estis, kiel kutime, la Universala Kongreso, kiu ĉi-jare okazis en la "hejmo" de UEA, en Roterdamo (Nederlando), la urbo de la Centra Oficejo. Dumil tricent kongresanoj partoprenis; samtempe kvardeko da iliaj infanoj ĝuis Infanan Kongreseton.

En kelkaj landoj oni organizis renkontiĝojn por lernejanoj. Ni povas prezenti al vi mallongajn raportojn pri du el ili, unu en Lanĉov (Slovakio) kaj la alia apud Sarajevo (centra Jugoslavio).

Jam malfruas aboni *Juna amiko* por 1989 el soc-landoj krom Hungario, sed por la cetera mondo sufiĉas tion fari jarfine, do en nia venonta numero ni aperigos la plenan liston de perantoj kune kun nova varbilo. La guldena kaj okcidentaj abonprezoj restas **senŝanĝaj** por 1989.

En nia pasinta varbilo ni listigis multajn erojn, kiujn prezentas nia revuo. Inter ili troviĝis "Bildstrio". Fakte, ĝis nun tiu ne aperis. Por ke nia malnova varbilo ne diru la malveron, ni kaptas la lastan okazon prezenti bild-rakonton: "La domo kun oraj fenestroj." Tabul-ludo, kanto pri la gramatiko, kelkaj poemoj kaj du novaj konkursoj kun premioj ankaŭ atendas vin. Bonan legadon!

stefan 880822

## Por la etuloj



Disfrotu la maizon. Komencu ĉe la punktoj kaj iru horizontale, vertikale aŭ diagonale. Kiom da Esperantaj vortoj vi povas skribi per la literoj, kiujn vi renkontas?

Sendis Sébián-Szőcs Ágnes, Hungario.

## Ŝerco de la kvaronjaro

”Sur ĉi tiu loko en pasintaj tempoj,” klarigis ĉiĉerono al kelkaj turistoj: ”rabistoj atakadis la vojaĝantojn kaj senkompate prirabis ilin.”

”Kaj nun?” demandis unu el la turistoj.

”Nun ĉi tie oni konstruas luksan hotelon.”

# NI KANTU!

## LA GRAMATIKO




Desegnis la muzik-notojn: Franz-Georg Rössler. Venont-foje: finna popol-kanto.

# LA GRAMATIKO

Esperanto estas unika lingvo. Ni povas prezenti ĝian gramatikon ene de unu mallonga kanzono.

*Komenco kaj rekantaĵo:*
La gramatiko en Esperanto
facila estas: ni lernas ĝin,
per simpla aldono al la radiko
de la finaĵo, ni konas ĝin.
La substantivo finiĝas per "o"
La adjektivo finiĝas per "a"
Devena adverbo finiĝas per "e"
Kaj artikolo estas nur "la".
Verbo nuntempa finiĝas per "as"
Pasinta tempo finiĝas per "is"
Venonta tempo finiĝas per "os"
kaj la pluralo estas per "j"
Ordona modo finiĝas per "u"
Kondicionalo finiĝas per "us"
Infinitivo finiĝas per "i"
Kaj la pronomo estas kun ĝi.
Se ni demandas, komencu per "ĉu"
Akuzativo solviĝas per "n",
Afiksoj helpas al vortoproviz'
kaj gramatikon konas jam ni.







*Verkis: Enrique Kohei, Rosario, Argentino.*
*Muzikis: Domingo Federico, Argentino.*

# Bestoj rigardas vin!



Bestoj rigardas vin. Vi inverse rigardu, observu, esploru la bestojn por pli bone kompreni ilin. Ĉu ekzemple la kato supre aspektas trankvila, kontenta, karesema? Aŭ ĉu vi opinias ĝian rigardon ĉasema, minaca, perforta? Mi ankaŭ ne estas certa pri tio, kiam mi skribis jenan poemeton:

Kata rigardo –
plena je ardo.
Ĉu
milda, vata
aŭ
senkompata?

La homo kaj la bestoj apartenas al la sama vivo, al la sama mondo. Ambaŭ rigardas la mondon per propraj okuloj, volas vivi sian vivon laŭ la propraj reguloj. Ili estas parencoj, egale infanoj de la naturo. Ni respektu la bestojn kiel niajn kunestaĵojn, kiuj bezonas niajn helpon kaj protekton.

*Desegnaĵo: Rita Rössler, FR Germanio.*
*Teksto: Franz-Georg Rössler, FR Germanio*

# Someraj tendaroj

Dum la somero okazas diversaj tendaroj kaj kunloĝadoj por junuloj, kiuj lernis Esperanton en la lernejoj. Pluraj el ili estas internaciaj, kaj lernantoj povas uzi sian novan lingvo-scion por amikiĝi kun infanoj aŭ junuloj el aliaj landoj. Simile okazas dum la Infana Kongreseto, kiun oni organizas paralele kun la Universala Kongreso de Esperanto. Ni tre ĝojas, ke ni ricevis du raportojn pri someraj tendaroj, ambaŭ estis verkitaj de junuloj mem.

## Lanĉov altiris junulojn el kvin landoj

Kamarado al ni legis vian gazeton *Juna amiko*. Ĝi estas tre bela. Ni lernas Esperanton en lernejo en urbo Hlubok nad Vlavou (Ĉeĥoslovakio). En la lernejo ni havas du esperantajn rondetojn. En la pasinta jaro ni estis unuafoje en SET, tio estas, la Somera Esperanto-Tendaro, kiu okazas en Lanĉov. En ĉi tiu jaro ni veturis al Lanĉov denove. El nia urbo veturis dudek du infanoj. Ni loĝis en kabanoj. Antaŭtagmeze ni lernis dum kvar horoj, kaj la kvina horo estis por kantado. Ni lernis multajn novajn esperantajn kantojn. Posttagmeze ni banis nin kaj naĝis en la val-baraĵa lago Vranov. Ĉirkaŭ la tendaro estas belaj arbaroj. En la tendaro estis ankaŭ bulgaroj, germanoj, unu rusino kaj unu nederlandano.

Salutas infanoj el Hlubok nad Vltavou.

(sekvas dudek kvar subskriboj)

## Varia programo en Stambulĉiĉ

Ni ĉeestas Someran Esperantan Lernejon por infanoj en Stambulĉiĉ, apud Sarajevo en Jugoslavio. Dank' al la de vi senditaj numeroj de *Juna amiko*, ni konatiĝis kun tiu bela revuo. Ni tuj ekŝatis ĝin kaj ekabonis. Ĉi tie ni lernas Esperanton, organizas kvizon pri Esperanto, sportajn konkursojn, sukcesan kaj interesan masko-balon kaj konkurson pri desegnado kun esperanta enhavo. Dum tri vesperoj ni rigardis lumbildojn pri kongresojen Ĉinio kaj Pollando, pri iliaj pejzaĝoj kaj homoj. Multaj infanoj anoncis sin al la Geonkla Servo (vidu *Juna amiko*, 1987/4, p.23), pri kio ni ĝis nun ne sciis. Ni nur bedaŭras, ke inter ni ne estas infanoj el aliaj landoj. Ni havas nur unu gaston el Pollando, kun kiu ni interparolas. Al la Somera Lernejo alvenis geinfanoj el ok urboj el Jugoslavio. La organizanto estas Bosnia Esperanto-Ligo. Ni dankas al vi kaj sendas elkorajn salutojn.

Selma Kovaĉ, lernantino de la 7a klaso
Lernejo "9 septembro"
Bugojno, Jugoslavio

# Konkursa krucvortenigmo

**Horizontale:**

1. **La kaŝfrazo.** Ili estas efektive kaŝitaj aliloke en la enigmo!
7. Ĉiel-ruĝo, ĉu je sunleviĝo matene, ĉu je sunsubiro vespere.
8. Mi diras "Siriuso"; mi nomas ________, la plej brilan sur la ĉielo (krom nia suno, kompreneble!)
9. Ne nur parto, ĉar nenio mankas.
10. Malagrablaĵo. (R)
12. Membro.
13. Alkohola trinkaĵo farita el vinberoj.
14. Eraroj.
15. Projekto, formala ideo, eble skribita. (R)
17. La jarparto, kiam la temperaturo altiĝas kaj arboj ekfloras. (R)
19. La plej varma parto de la jaro. (R)
20. Mallongigo por la nomo de nia lingvo.

**Vertikale:**

1. Mi diras: "decembro"; mi nomas la ________ monaton de la jaro.
2. La jarparto, kiam la temperaturo malaltiĝas kaj la folioj falas de la arboj.
3. Skribilo ofte uzata en klasĉambroj. (R)
4. Deziro.
5. Grupo.
6. La rato jam ________ la fromaĝon kaj la ŝnuron.
11. Grandege.
13. La plej malvarma parto de la jaro; en multaj landoj neĝas. (R)
14. Tradiciaj skulptistoj kaj artistoj laboras ne aŭtomate, ne maŝine, sed ______.
15. Objektoj falas ______ gravito.
16. Bordo, rando, eble de teritorio aŭ lando. (R)
17. Mallongigo ofte videbla fine de letero.
18. Ni dividas dudek bombonojn egale inter kvin infanoj, do ili ricevas _____ kvar.

*(R) = uzu nur la radikon, do sen la finaĵo.*

Sendu la kaŝfrazon al *Juna amiko* ĝis la 1a de decembro. La respondo aperos en numero 1989/1. Ni lotumos libropremiojn el inter la junaj sendintoj de la ĝustaj respondoj. Indiku vian nomon, adreson kaj aĝon. Vi rajtas per la sama poŝtkarto aŭ letereto respondi kaj la krucvortenigman kaŝfrazon kaj la matematikan enigmon, kiun vi trovos poste en la revuo.



Klubo de Legantoj

**La rubrikon gvidas Josef Chvosta, Leninova 16, CS-290 01 Podebrady, Ĉeĥoslovakio. Sendu ĉiujn korespondaĵojn kaj respondojn rekte al li.**

## Ĉu eble, ĝuste, logike?

Karolo aŭdis kelkajn eldirojn kaj notis ilin, sed li ne scias, ĉu ili estas ĝustaj. Helpu lin decidi, ĉu ili estas certe ĝustaj, eblaj, aŭ tute maleblaj. Donu kialojn.

1. Prahomoj ĉasis mamutojn kaj mortigis ilin per klaboj, ŝtonoj, pafarkoj, sagoj kaj feraj lancoj, post kiam ili falis en truojn, kiujn fosis la prahomoj.
2. La romian imperion atakadis ĝermanaj triboj.
3. Hindio estis provinco de la romia imperio.
4. *Mahabharato* estas longa poemo, kiun verkis nekonatajapana poeto.
5. La granda soldatestro de Kartago, Hanibalo, observis la batalon kontraŭ malamika soldataro per sia teleskopo.
6. En norda Afriko renkontiĝis la profetoj Budho kaj Mahometo.
7. Gaius Julius Caesar (Cezaro) skribis en sia verko, ke li naskiĝis en la jaro cent antaŭ Kristo.

8. Spartako, la estro de sklava ribelo, estis mortpafita per sago.
9. En la proksimeco de la afrika urbo Dakaro situas grandaj piramidoj.
10. Karolo la Granda ricevis la unuan presitan ekzempleron de la Biblio en la jaro 800 post Kristo.
11. Vaporŝipoj de Vasko da Gama navigis preter la bordoj de Afriko ĝis Azio.
12. Usono intertraktis pakton kun Portugalio en 1766.
13. Dum la usona civila milito de 1861-65, la nordo batalis kontraŭ la sudo, ĉefe por nuligi la sklavecon de nigruloj.
14. Dum la mallonga milito inter Aŭstrio kaj Prusio en 1866 estis bombe atakita Prago per aviadiloj.
15. La armeo de la franca imperiestro Napoleono uzis por sia marŝado en-Rusion eĉ fervojojn de Germanio.
16. La montaroj Andoj etendiĝas tra tuta Aŭstralio de okcidento al oriento.
17. En la Olimpikoj de 1940 ĉiujn medalojn gajnis sportistoj el Sud-ameriko.
18. Dum la unua mondmilito (1914-18) Sovetunio helpis Serbion, kiun atakis Italio.
19. Ludoviko Zamenhof renkontis la piloton de la unua aeroplano, kiu sukcesis flugi helpe de motoro.



20. Persono paŝis suden ducent paŝojn, turnis sin orienten kaj irisducent paŝojn. Post tio li turnis sin norden kaj iris ducent paŝojn. Li troviĝis post tiuj tri iroj en precize la sama punkto de kie li ekiris! Se vi decidos, ke tio estas ebla, diru ankaŭ – kiaj estis la vestaĵoj de tiu persono?

La konkurson el ĉi tiu rubriko en numero 88/1 ĝis nun bone solvis: Uwe Siebert (Wriezen), Otto Kaczinski (Havelberg), Frauke Kuse (Schwerin),Kerstin Bucholski (Bernburg), Claudia Thomas (Wolsier), Uwe Hubner(Stralsund)kaj Edeltraud Herning (Prenzlau) ĉiuj el GDR, Maurice Merger (St. Julien les Villas, Francio), Jelena Afanasjeva (Volgodonsk), Nataŝa Sedova(Surgut), Kaulakars Imants (Jelgava), Vladimir Lelmeĵ (Rostov-Don), EgonCicurskij (Minsk) kaj Erika Taraŝkeviĉiute (Panevezys), ĉiuj el Sovetunio,Simeonka Toteva (Gabrovo, Bulgario) kaj Kiss János, Hódmezővásárhely, Hungario).

## Bulko malaperis

Leono promenis en urbo kaj eniris kafetarion. Li prenis tason da kafo kaj bulkon, metis ilin ambaŭ sur tablon kaj ekiris al la kaso por pagi. Kiam la leono revenis al la tablo, jam la bulko mankis. Mire ĉirkaŭ-rigardante li demandis laŭte: "Kiu prenis mian bulkon?" Neniu respondis. Pli kolere la leono redemandis: "Kiu manĝis mian bulkon!?" La klientoj en la kafetario silentis refoje. Do, li ekkriis eĉ pli laŭte kaj minace: "MI LASTFOJE DEMANDAS... KIU MANĜAĈIS MIAN BULKON!!!??" El la best-amaso paŝis giganta elefanto kaj diris tre arogante: "Estis mi, kiu manĝis vian bulketaĉon!" La leono ekrigardis la enorman elefanton kaj demandis balbutante: "S-s-sed, k-k-k-ial vi ne fortrinkis la kafon?"

## Urala Legendo kun Enigmo



En Sovetio, en Rusio ĉe la urala monto-spino altas montego Daganaj. Iam antaŭ-longe loĝis ĉi tie belulino. Multaj junuloj svatis ŝin, kaj volis edzinigi ŝin, sed al neniu ŝi jesis. Foje preter-rajdis ĉevale du fratoj kaj haltis tie por ripozi. Ili ekvidis la junulinon kaj certe ili ambaŭ ekamis ŝin. Kiel decidi? La fratoj iris al ŝi kaj diris: "Ni ambaŭ amas vin, sed ni estas fratoj, do ni ne povas decidi nian disputon per glavoj. Elektu mem, kiu el ni iĝu via edzo." Ekridis la fiera ino kaj diris: "Vi ne povas disputi per glavoj? Do, disputu per ĉevaloj! Rajdu vi ĝis la pinto de Daganaj kaj reen. Estos mia edzo tiu, kies ĉevalo revenos laste!!!" Forrajdis la fratoj ĝis la montopinto. Tie ili turniĝis sed poste haltis. Neniu volis reveni unue. Longe pensis la junuloj. Ili riskis resti sur la montopinto ĝis ili iĝos maljunuloj! Subite unu el la fratoj ekvidis blankharan homon, kiu proksimiĝis. Li rakontis al li la situacion kaj petis konsilon. La saĝa maljunulo donis al li la solvon flustrante nur du vortojn. Kiujn?

*La solvon vi trovos sur la paĝo 23.*

Jdanov Andreo, Tjumenj, Sovet-unio.

## DORMIGA KANTO



Lazuron fermas la ĉiel',
okulojn cent la domo, sed
jam sub plumono eĉ la ter'
– ekdormu bele, Blaziet'.
Skarabo, vespo dormas, post
ke kap' klinita al pied',
kundormas zumoj de la bosk'
– ekdormu bele, Blaziet'.
Dormetas la kurego jam
de l'tram'... truilo de bilet'...
tintetas nur sonĝanta tram' –
ekdormu bele, Blaziet'.
Surseĝe dormas kun la jak'
ŝiraĵo ĝia – post osced' –
jam plu ne ŝiros ĝin ĉi tag' –
ekdormu bele, Blaziet'.
Dormetas jam la fajfilson',
ekskurs' arbaro, pilkoĵet';
la bonaj sukeraĵ, bonbon' –
ekdormu bele, Blaziet'.
Ter' fora, kiel vitroglob',
la via! Fermu al kviet'
okulojn, estos vi ciklop' –
ekdormu bele, Blaziet'.
Vi estos ĉefa indian',
fajrestingisto, aŭ kadet',
vi vidas, panj' ekdormas jam –
ekdormu bele, Blaziet'.

*de Attila József*
*tradukis Miklós Fehér*

lazuro: hela, brila bluo.
plumono: granda, malpeza kuseno.
skarabo: insekteca besteto.
vespo: flava insekto, kiu pikas.
bosko: arbustaro belaspekta.
tinti: sonoreti.
oscedo: buŝa signo pri dormemo.
ŝiri: apartigi subite.
ciklopo: mita unuokula giganto.


La domo kun oraj fenestroj
Teksto: Stefan MacGill, Desegnaĵoj: Pavel Rak.
Iam, longe antaŭ ol oni inventis vek-horloĝojn, vivis junulino, Mirando, kun sia avino en eta domo sur pitoreska montoflanko. Ĉiumatene vekis ŝin frue ne la avino, sed natura vek-horloĝo, granda, impona koko, kiu kokerikis ĉiumatene je la sunleviĝo.
Unu belan matenon Mirando ellitiĝis, lavis sin, vestis sin kaj eliris el la domo en la ĝardenon. Tie, trans la valo, ŝi vidis domon kun du mirindaj brilantaj oraj fenestroj!
Ho, mirinde!
MON
Eble ĝi estas mirinda palaco kun oro, arĝento, trezoro kaj juveloj! Mi tuj iros al tiu bela ora domo!
Do, ŝi preparis kvar sandviĉojn, po unu kun ŝinko, fromaĝo, ovo kaj tomato kaj metis ilin en sakon.
Ne malsatu dum via vojaĝo!
La avino donis al ŝi du pliajn sandviĉojn kun fiŝetoj — sardeloj.


Jam la suno leviĝis pli alten sur la ĉielo kiam ŝi ekiris suben.
Ho, kial vi ne surmetis pli varman jupon?
Ĝis revido! Mi portos por vi juvelojn!
Entuziasme ŝi malsupreniris. Post unu horo ŝi renkontis belan katon.
Kiom da kilometroj ĝis la domo kun la oraj fenestroj?
Miaŭ, miaŭ, naŭ, naŭ!
Dum ŝi paŝadis, ŝi manĝis la ŝinkan sandviĉon, por havi pli da forto.
Ha! Mi tre ŝatas ŝinkon!
Hmmf!
Pardonu, porketo. Kiom da kilometroj ĝis la mirinda domo?
Oink! Oik! Ok! Ok!
Kiam ŝi atingis la rivereton meze de la valo, jam estis tagmeze. Ŝi sidiĝis apud la ponto kaj manĝis la duan sandviĉon.
Mi tre ŝatas fromaĝon.
Nun pli forta, ŝi promenis denove. Meze de la posttagmezo ŝi haltis kaj manĝis la trian sandviĉon.
Ho! Mi tre ŝatas ovojn!
Hmmmf.
Trankviliĝu, anaseto. Estas kokina ovo, ne anasa. Diru, kiom da kilometroj for estas la mir inda palaco kun la trezoro, juveloj, arĝento kaj oro?
Kvak! Kvak! Kvar! Kvar!


En la fruvespera sunlumo la folioj de la arboj brilis kiel juveloj. Mirando rigardis supren kaj vidis birdon.
Kiom da kilometroj for estas la domo kun oraj fenestroj?
Twii! Tri!
Mirando laciĝis, do ŝi manĝis la kvaran sandviĉon – la tomatan. Post tio, ŝia sako estis preskaŭ malplena.
Ho! Mi ŝatas tomatojn!
Hmmmf!
Ŝi ne demandis ia tomaton kiom for estas la palaco, ĉar tomatoj nenion scias pri geografio.
Do, ŝi pluiris ĝis ŝi renkontis ĉevalon.
Ĉu la domo kun oraj fenestroj estas ankoraŭ malproksime?
Neee! Ne! Ne!
Mirando rigardis en sian sakon. Restis ankoraŭ du sandviĉoj.
Ba! Mi tre malŝatas sardelojn!
Ĉevalo! Ĉu vi ne volas du sardelajn sandviĉojn?
Neee! Ne! Ne!
Jam iĝis vespero kaj la suno komencis subiri kiam Mirando ekgrimpis supren. Tie antaŭ ŝi, la tegmento de la domo jam estis videbla.
Finfine ŝi alvenis! Sed kia malfeliĉo! Jen la ĝusta domo, sed la fenestroj estis tute ordinaraj!


Elvenis el la domo alia knabino.
Bonan vesperon! Hodiaŭ matene mi rigardis de mia hejmo ĉe la alia flanko de la valo, kaj ĝuste ĉi tie mi vidis mirindan domon kun oraj fenestroj. Sed ĝi malaperis!
Ĝi certe ne troviĝas ĉi tie. Sed mi scias, kie estas domo kun oraj fenestroj. Mi ofte vidas ĝin en la vesperoj, ĝuste en la nuna horo.
Venu supren kun mi kaj mi montros ĝin al vi!
Do, ili grimpis kune supren ĝis la pinto de la monto.
Ĉu vi volas sardelan sandviĉon?
Ne, dankon!
Kaj baldaŭ ili alvenis...
Jen la domo!
Sed tio estas mia domo! Kaj vidu, ĝiaj fenestroj brilas! Ili estas oraj!

# PRI MIA PATRO

1.
Mia patro ne estas
kiel aliaj patroj,
sciu –
li konas ĉiujn
belajn rakontojn
kaj neniam krias,
li ĉiam ridas
kaj estas plej granda
plej bela –
ĉar li estas mia patro.

2.
Mi amus esti kiel patro mia,
granda, havi kravaton...
sed mi havas
ĉifonitan pantalonon,
kotajn genuojn kaj...
mi havas nur ses jarojn
kaj ne povas esti – patro.

3.
Mia patro malhavas
siajn infanludilojn,
nek tuberojn sur kapo...
li ne ŝtelas pomojn
kaj ne ĵetas ŝtonojn...
Mia patro ne estas aso
pri disrompado de fenestroj
sed mia patro havas min.

4.
Mi malhavas lipharojn
kiel patro mia,
nek grandajn pantalonojn
kiel li...
Mi ne portas blankan ĉemizon
kaj kravaton...
mi ne legas gazetojn
kiel li
sed – mi havos ilin.

5.
Mi konas homon
kiu scias ami infanojn,
kiu bele desegnus
kaj domon aŭ pordon,
muson, hundon
kaj indianon
kiam ĝi bizonojn kaptas...
Mi konas homon
kiu scias pardoni
kaj povas ĉion,
kaj tiu homo estas mia patro.



6.
Se mi renaskiĝus,
mian patron mi reprenus,
ke li denove estu mia patro.

*Ivano Zlibar, Pozarevac, Jugoslavio*

# Kiuj lernas, kie kaj kiel?

En multaj landoj la nova lerneja jaro komenciĝas nun en septembro. Ni volas scii precize kie oni instruas Esperanton kaj laŭ kiuj kondiĉoj. Estos bone, ke ankaŭ vi sciu tion, ĉar en tiu kazo klasanoj povos kontakti unu la alian por korespondado, interŝanĝado de laboraĵoj kaj eble eĉ iam por vizitado. Ni volas helpi vin uzi vian studadon de Esperanto praktike! Do, ni kreis demandilon, kiun vi vidas sur la apuda paĝo. Bonvolu plenskribi ĝin. Se vi ne volas deŝiri paĝon el via revuo, bonvolu kopii la demandojn sur paperpeco kun grandeco A4 kaj sur tio respondi ilin. Se vi lernas Esperanton en lerneja klaso, bonvolu peti vian instruiston respondi la demandojn. Eble li estas tro okupata. Eble li petos vin, aŭ grupon de lernantoj pretigi la respondojn. Vi povos grupe kontroli la respondojn. Kiam la tuta klaso kontentas pri la respondoj, sendu ĝin al la indikita adreso ĝis la jarfino. Ni aperigos resumon de la respondoj en nia numero1989/1. Hungaroj ne devas respondi ĉi tiun enketilon, kondiĉe, ke ili diligente plenskribu la enketilon, kiun dissendas ĉiujare en septembro la Eduka Komisiono de HEA. Por kuraĝigi vin respondi mult-nombre, ni organizos loterion inter la respondintoj, kaj la gajninta klaso ricevos esperantajn librojn de la redakcio.

Ni transdonos la informojn al la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI), kiu estas la tutmonda organizaĵo, kiu okupiĝas pri instruado de Esperanto, kaj unu el ĝiaj taskoj estas scii kaj sciigi, kiu gvidas Esperantajn kursojn, kie kaj kiel. Ni ĉefe volas ricevi informojn pri instruado en lernejoj, je ĉiuj niveloj ĝis la universitata (5- ĝis18-jaraj lernantoj). Al la demandilo, vi rajtas aldoni skriban raporton. Se tiu raporto estos verkita en Esperanto de lernanto aŭ lernantoj mem, ni estos eĉ pli feliĉaj, kaj ni eble povos aperigi la raporton en *Juna amiko*. En tiu kazo, la verkinto ricevos kelkajn ekzemplerojn de nia revuo por montri al amikoj, kaj eble ankaŭ libro-donacon.

# INTERNACIA LIGO de ESPERANTISTAJ INSTRUISTOJ

# ILEI

## Enketilo pri instruado de Esperanto 1988/89

Bonvolu respondi aparte por ĉiu kurso

Bonvolu resendi ĉi tiun demandilon al *Juna amiko*, HEA, p.f. 193, H-1368 Budapest, Hungario, ĝis la 31a de decembro 1988.

Nomo de lernejo:

Urbo: Lando:

Poŝta adreso de la lernejo aŭ instruisto:

Nomo de la instruisto:

Ĉu profesia instruisto? JES/NE Ĉu dungito de la lernejo? JES/NE

Kiom da lernantoj en la kurso: Kiomaĝaj:

Kiom oficiala estas la kurso: (hobia, oficiala, deviga, nedeviga ks.)

Komenco de la kurso: Atendata daŭro:

Kiom da studhoroj entute apartenas al la kurso:
Kiom da studhoroj okazas ĉiusemajne:

Kiun lernolibron aŭ materialon vi uzas:

Ĉu fine de la kurso okazos ekzameno? Se jes, ĉu oficiala?

Ĉu dum la kurso vi komencos uzi Esperanton praktike? Kiel?

## Korespondi deziras

*ĉ.t. = pri ĉiuj temoj*

### Bulgario:

Ivan Ivanov, str. Otec Paisij 1/2 A, BG-2300 ul. Pernik. 15-jara, ĉ.t.

Dimitâr Anastasov Petrov, Poŝtkesto 320, BG-1618 Sofia. Nova esp-isto. Pri teatro, ĉ.t.

E-societo "Paco," Poŝtkesto 134, BG-3200 Bjala Slatina. Komencantoj-gejunuloj (12- ĝis 40-jaraj) tutmonde, ĉ.t.

### Ĉeĥoslovakio:

Jan Pávek, Dukelská 129, CS-669 50 Znojmo. 8-jara, bona esperantisto, dez. korespondi tutmonde kaj interŝanĝi bildkartojn.

Romna Herman, Pod koupalistem 730, CS-293 06 Mlada Boleslav 6. 16-jara komencanto, pri ĉ.t.

Vladimír Rotrekl, Dobŝice 297, CS-669 02 Znojmo. Gvidanto de dek gelernantoj, dez. korespondi, interŝanĝi bildkartojn kaj pm. tutmonde.

### Hungario:

Kozma István, Szarvas ut. 14, H-5630 Békés. Tutmonde pri elektrotekniko, inventaĵoj, psikologio, filozofio, politiko kaj vojaĝado, kun 14- ĝis 20-jaruloj.

Harnyák Emoke, Katalin út 7, H-3432 Emod. 13-jara junulino.

Krasznai István, József A. út 22, Hatvan. 14-jara junulo, kun junulinoj el Aŭstralio aŭ Kanado, ĉ.t.

Nagy Péter, Béke út 16, Hatvan, 14-jara junulo, kun Novzelandanoj aŭ Madagaskaranoj pri Esperanto kaj historio.

### Irano:

A. Tehrani, No 39, Agugia 1, Sadi ave, Sajadshahr, IR-91876 Mashad. 17-jara, tutmonde, ĉ.t. kaj interŝanĝi poŝtmarkojn.

Hashmat A. Zamani, Ruberuy Moesesy *Fani Novid St, Shrifi, Bandar Mahshar.*

20-jara lernanto en art-lernejo; lernas Esperanton dum du jaroj.

### Jugoslavio:

Eva Nemet, Crvena Zvezda 7, YU-24300 Bacska Topola. 11-jara lernantino, tutmonde, ĉt.

### Kanado:

Martin Lavallée, 1465 Madeleine St., Sait-Amable, Quebec, J0L 1N0. 16-jara. Ĉ.t.; hobioj legado kaj naĝado.

### Pollando:

Andrzej Grzegorz Kiercul, ul. Podlesna 5 m. 14, PL-15-227 Bjalistok.

16-jara, tutmonde, ĉ.t. Interesiĝas pri fotoarto, lingvoj kaj vojaĝado.

Eva Witonska, ul. J. Tuwim 4 E/7, PL-81-594 Gdynia. 11-jara knabino. Dez. korespondi letere aŭ bildkarte.

Irek Rzepa, ul. Lipowa 3, PL-67-115 Bytom Odrznanski. 11-jara knabo, pri ĉ.t.

Sylwia Sitek, ul. Zgrzebninoka 47/9, PL-41-103 Siemianowice-Bytkow. 13-jara lernantino, ĉ.t. kun samaĝuloj en okcidenta Eŭropo.

Wojciech Szczepaniak, ul. Swierczewskiego 7/4, PL-88-320 Strzelno. 13-jara, ĉ.t., prefere kun hungaro.

Dobromira, Przemyslaw kaj Dominika Myszakowska (gefratoj), Skr. Poszt. 26, PL-56-400 Olesnica, 7-, 8- kaj 13-jaraj, dez. korespondi per mallongaj leteroj, interŝanĝi bildkartojn, poŝtmarkojn, infanlibrojn, komiksojn kaj emblemojn.

Mariusz Sobolewski, ul. Podlesna 5a/m.45, PL-15-227 Bjalistoko. 16-jara, tutmonde, ĉ.t., precipe fotado, vojaĝado kaj lingvoj.

Beata Traczyk, ul. Obv. Westerplatten 3/4, PL-80-317 Gdansk, kaj Bozena Traczyk, ul. Korczaka 3/13, PL-82-540 Susz. Ambaŭ 22-jaraj studentoj de pola *filologio en* Gdansk. Interesiĝas pri turismo, literaturo, filmo, teatro, muziko kaj vojaĝado.

### Sovet-unio:

Nikitina Jelena, pr. Oktjabrja 24-15, SU-453125 Sterlitamak. 16-jara, tutmonde pri fotografio, muziko, bildkartoj de bestoj kaj urboj, kuirarto kaj Esperanto.

Aldrakhmanova Albina, ul. Kommunistiĉeskaja 35-28, 16-jara, tutmonde pri lingvoj, glacihokeo, politiko, ekonomio kaj Esperanto.

Gintaras Jurkenas, Kosmonautu 6-22, SU-235000 Jonava, Litovio. 15-jara, kolektas bildkatojn kaj glumarkojn, interesiĝas pri aŭto-sporto "Formulo 1".

Regina Savickaite, Statybiniu Medziagu gamykla, SU-235240 Joniskelis, Litovio. 14-jara lernantino pri muziko. Pri muziko, sporto, turismo, literaturo. Kolektas poŝtmarkojn, kalendaretojn.

Parad Lunjo, do vostrebovanija A-80, SU-125080 Moskva. 17-jara, tutmonde, ĉ.t., precipe moderna muziko, dancoj, kuirarto.

Ervin Soon, Metsapargi str. 10-25, SU-202020 Kahtla-Jarve 13, Estonio. 16-jara, pri fotado kaj naturo.

Jolanta Mitkeviciute, Mazupes 8, SU-235240 Joniskelis, Litovio. 14-jara lernantino. Tutmonde, ĉ.t., precipe pri sporto, muziko, turismo, literaturo. Kolektas poŝtmarkojn.

**Solvo de la urala enigmo: INTERŜANĜU ĈEVALOJN!**

**Usono:**

Sep lernantoj en mia E-kurso, Joan Acosta, Jatare Barrett, Tikisha Howard, Danielle Keys, Adam Kruppa, Marzina kaj Ark Pachnik kaj Crystal Rowe, deziras korespondi kun ĉiuj landoj pri ĉiuj temoj. Ili estas inter 7- kaj 11-jaraj kaj interesiĝas pri geografio kaj kutimoj.

## Konkursaj rezultoj

En numero 88/1 ni anoncis du konkursojn. La unua estis la matematika enigmo pri la tendaranoj. La plej aĝo estas Marko, poste laŭvice Trevoro, Karlo,Alberto kaj Petro. Ni ricevis dek sep respondojn, el kiuj ĉiuj estisĝustaj, do la matematika enigmo en ĉi tiu numero estos signife pli malfacila! Sep el la respondintoj estas sovetaj, kvar loĝas en Germana DR,kvar estas hungaroj, unu bulgaro kaj unu loĝas en Ĉeĥoslovakio. Gajnis Nataŝa Sedova el la Tumenskaja regiono de Sovetunio kaj la grupo de11-jaraj geknaboj el Wriezen, GDR, sub la gvido de instruisto Uwe Siebert. La krucvortenigma kaŝfrazo estis sendita de 21 personoj, el kiuj 17trafis la ĝustan: Bestetoj prosperas, bestegoj suferas. 12 el la ĝustaj respondintoj loĝas en Sovetunio, tri en Hungario, 1 en GDR kaj unu en FRGermanio. La lotumitaj gajnintoj estas Andreo Liskov el Moskvo kajAleksandr Mikiŝev el Perm (Sovetunio). Ĉiuj kvar gajnintoj ricevos baldaŭ libro-premiojn el Hungario. Gratulon!

## MATEMATIKA konkurso

Du bonaj premioj: libroj ĝis la valoro de 200 forintoj. Sube ni povas legi ekvacion, kiun ni formis el alumetoj. Ĝi estas evidente malvera. Vi devas ŝanĝi la ekvacion, por ke ĝi estu vera, tio estas, la maldekstra parto devas egali la dekstran. Vi rajtas ŝanĝi la lokon de nur UNU alumeto. Vi NE rajtas modifi la egalecan signon. Sendu viajn respondojn sur poŝtkarto aŭ sur aparta paperpeco en letero al: Konkurso 'Juna amiko', Hungara Esperanto-Asocio, pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario, ĝis la 10a de decembro 1988. Aldonu vian nomon, adreson kaj aĝon. (Unu el la premioj estos rezervitaj por tiuj, malpli ol 15-jaraj.)

